# OMAĜO AL LOUIS BASTIEN

En tiu ĉi numero de « Franca Esperantisto » dediĉita al la iniciatinto de Esperanto, Doktoro Zamenhof, kiu naskiĝis la 15-an de decembro 1859, ŝajnas al mi, ke estas oportune samtempe paroli pri la longa vivo de nia altŝatata Prezidinto Bastien, kiu ankaŭ same naskiĝis en decembro, sed la 21an kaj dek jarojn post Zamenhof.

Ni povas diri, ke ili havas multajn punktojn komunajn. Ambaŭ dediĉis sian tuton vivon al la ideo de lingvo internacia kaj al Esperanto. Ambaŭ, kiuj havis la unuan vicon en la Esperanto-movado, estas same tre modestaj. La jenaj vortoj skribitaj de Zamenhof al Carlo Bourlet la 3an de junio 1909 : « Niaj kongresaj « manifestacioj devos havi la karakteron ne de la « kvazaŭ kulto de persono, sed de kulto de ideo », povus ankaŭ esti skribitaj de Louis Bastien.

Nia 90-jara jubileanto eniris en la Esperanto-movadon ekde 1902, kaj tuj sin okupis pri la propagando en la franca armeo kaj sinsekve en la norda kaj orienta Francujo. Post pensiiĝo en 1928, li rekomencis plej ageme labori, sed nur por Esperanto. Samjare, li fariĝis Vic-Prezidanto de nia malnova S.F.P.E. kaj estis kun niaj amikoj Couteaux kaj Dubois por la nova internacia oganizo de la Esperanto-Movado. Post la interkonsento de Kolonjo en 1933, li fariĝis en 1934 la unua Prezidanto de la unuigita Universala Esperanto Asocio. De tiu komitato de UEA en 1934 malmultaj ankoraŭ vivas kaj ankoraŭ pli malmultaj restas en la nuna Komitato de UEA.

Ĉiam afable, bonhumore, plenkonscie, Prezidinto Bastien gvidis la laborojn de la Komitato kaj de la Estraro.

Tre malofte, sed kiam tio estis nepre necesa, nia Prezidinto sciis afable konkludi per firmaj decidoj la plej malfacilajn diskutojn.

Post la komitataj laboroj, nia amiko Bastien refariĝis la plej simpla, la plej modesta el ĉiuj esperantistoj. Certe, li memoras ankoraŭ la belajn tagojn, kiujn ni kune travivis en 1936, antaŭ kaj post la Universala Kongreso en Wien, dank' al la belega vojaĝo organizita de Prezidinto Hugo Steiner. Ĉu li ankoraŭ ne forgesis niajn humorajojn dum la nokto en la porvira-kajuto de la Grossglockner ?

Sed, la plena unueco de la Esperanto-movado ne estis ankoraŭ tute alveninta. Fine de 1936, du konceptoj restis en UEA. La plimulto sekvis Louis Bastien en la « Internacia-n Esperanto- Ligo-n. La malplimulto sekvis Steiner en la « Universala-n Esperanto- Asocio-n ». Sinjoroj Isbrucker, Kamaryt, Orengo, Steiner kaj Vogt forlasis la estraron.

Nur restis Bastien kaj Malmgren, al kiuj venis por praktika helpado novaj estraranoj Kempeneers, Oliver kaj Lapenna.

Tuj post la dua mondmilito, Prezidinto Bastien zorgis por la reunuigo de la Esperanto-movado, kaj la kongreso de Berne en 1946 alportis la finan solvon.

Louis Bastien el IEL kaj Hans Kursteiner el UEA fariĝis la honoraj prezidantoj de la nova unuigita asocio. Ernfrid Malmgren anstataŭis Bastien, kiel Prezidanto de UEA. D-ro Kempeneers anstataŭis Malmgren, kiel Vic-prezidanto kaj la favoro de la Komitato permesis al mi eniri la Estraron, por fakte anstataŭi Bastien kiel franca estrarano, la aliaj tiamaj estraranoj estis Jakob, Kennedy, Lapenna kaj Oliver.

*INTENDANTO-GENERALO L. BASTIEN*
*HONORA PREZIDANTO DE U.E.A.*



*kliŝo laŭ afabla permeso de S-ro P. Delaire*

# PREZIDANTO LOUIS BASTIEN

Baldaŭ, la 21an de decembro 1959, la Franca Esperanto Asocio festos la 90an datrevenon de la naskiĝo de unu el ĝiaj plej famaj membroj, la generalo-intendanto Louis BASTIEN. Ĉiuj en la mondo konas la grandegan esperantistan laboron faritan dum longaj jaroj de tiu viro, amata de la tutmonda esperantistaro, kiu dediĉis al la organizado de la Esperanto-movado sian tutan penadon, kaj mirinde prosperigis ĝin en ĉiuj landoj de la mondo.

Oni konas tro bone liajn librojn, por ke estu utile ilin memorigi. Ni citos nur lian « Naŭlingvan Etimologian Leksikonon » (1907), por kiu li longe devis labori ; lian « Funebran paroladon de Princo de Condé » ; lian « Poŝvortareton por francoj », kiu estis ĉirkaŭ dek fojoj reeldonita ; k.t.p...

Li estis Prezidanto de la Sekcio de la Teknikaj Vortaroj, kaj Ĉefkunlaboranto de la Esp. Enciklopedio. Li fariĝis membro de la Lingva Komitato en 1909, kaj de la Esperanta Akademio, kies unu el la plej gravaj membroj li estas.

Li fine estis unuanime elektita Prezidanto de nia Internacia organizajo.

Kiel diri tie ĉi lian sindonemon al ĉiu Esperanta entrepreno, lian konstantan helpon al tiuj el niaj kunlaborantoj, kiuj sin turnis al li por konsiloj. Oni povas diri, ke li restas, por la Franca Esperantistaro, la firma gvidanto, kiun ĝi bezonas en la plej gravaj cirkonstancoj de ĝia Esperanta vivo.

Ni estas aparte feliĉaj deziri al li plej longan vivon. Ni dankas multege lin pro ĉio, kion li jam faris por nia movado, kaj por la grandvaloraj konsiloj, kiujn li bonvolos ankoraŭ fari al ni ĉiuj, sur la Esperanta kaj humana terenoj.

Jean COUTEAUX.

---

Krom la propaganda kaj la organiza laboro por Esperanto, nia amiko Bastien verkis en 1907 la vortaron « Naŭlingva Etimologia Leksikono », kaj en 1932 poŝvortareton por francoj. Li tradukis esperantlingven de Bossuet la funebran paroladon por Princo de Condé. Li ankaŭ prezidis dum multaj jaroj la sekcion de Teknikaj Vortaroj de la Akademio kaj estis Ĉefkunlaboranto de la Enciklopedio de Esperanto aperinta en 1933-34.

Kelkajn tagojn antaŭ la dua mondmilito, Prezidinto Bastien skribis : « De nun la esperantistoj komprenas, « ke ili povas vivi en plena harmonio ; ke internaj dis- « putoj estas vanaj, eĉ malutilaj kaj danĝeroplenaj ; « ke ili devas batali nur kontraŭ la eksterajn malfaci- « lajojn, kiuj baras la vojon. Kiel fortaj ni estos, kiam « ĉiuj laboros kune, koro ĉe koro ! ».

Antaŭ kelkaj semajnoj, ekzakte la 12an de oktobro, li skribis al mi :

« Nun, mi ne plu povas legi la esperantistajn gaze- « tojn, nek ĉeesti kunvenojn ; mi nur povas legi la « porblindan esperantistan gazeton. Tamen mi ne for- « gesas nian karan Esperanton ».

Ankoraŭ longe vivu nia kara Prezidinto Louis Bastien, spirite frato de la genia Zamenhof.

R. PETIT.

# " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.

*REGIONO RENKONTO EN HENIN-LIETARD*



*laŭ afabla permeso de « NORD-ECLAIR »*

**HENIN-LIETARD.**

Federacia Esperanta tago okazis kun granda sukceso. Sro F. Darchicourt, deputito-urbestro de la karb-mineja urbo, kore bonvenigis la geesperantistojn.

En la salono de la urbodomo, delegitoj el la tuta Norda Francujo amike diskutis pri la estonta aktiveco. Ili decidis, ke estos regionaj kongresoj en Boulogne kaj Caudry.

Post komuna manĝo, Sro Legrand gvidis la interesulojn tra la koridoroj kaj klas-ĉambroj de la nova kolegio Louis-Pasteur. Tiu-ĉi duagrada lernejo havas pli ol 2.000 gelernantojn por la diversaj fakoj.

La loka klubo malfermis kurson kaj bone rilatas kun la kulturaj asocioj.

**PERPIGNAN festis la centjaran datrevenon de ZAMENHOF.**

Dimanĉon, la 13-an de Decembro 1959, okazis en Perpignan (Francujo), granda Zamenhof'-a festo.

Je la 10.30, en la Festsalono de la Meti-Ĉambro, sub la prezidado de S-ro Deputito-Urbestro de Perpignan, S-ro Paul Alduy, memora kunveno.

Parolis esperante pri Dro ZAMENHOF, S-ro Roberto Gendre, Poeto de l'Felibrige.

Je la 11.30, Honora Vino ĉe la Urbdomo.

Je la 12.30, Komuna tagmanĝo.

Je la 14.30, Koncerto kaj balo, kun la partopreno de la Muzika Folklora Societo « La Gajaj Trobadoroj ».

Je la 17-a, Urbdomo, Prelego franclingve de S-ro Profesoro Stefano Antonelli, de la Jura Fakultato de Montpellier, pri la vivo de D-ro ZAMENHOF.

Prezidis S-ro. Prefekto de Orientaj-Pireneoj.

Krome, funkcias en Perpignan deko da kursoj, gvidataj de S-ro René Llech-Walter : instrui la Lingvon Internacian, la plej nobla maniero honori ĝian « iniciatoron » !

**ANGERS**

La 29-an de oktobro okazis la malfermo de la kursoj : en la unua parto de la programo, post bonvenaj salutoj de S-ino Cheverry kaj leciono-prezento de S-ro Auduin, anoncis S-ro A. Frangeul planon de kunvenoj pri kulturaj interŝanĝoj en la kadro de la projekto « Oriento-Okcidento » de UNESKO (Ĉinio, Uzbekistano, Ciganoj); en la dua parto estis prezentitaj tri koloraj filmoj (Istambul, prirevata urbo - Bildoj el Turkio - Nova Hindio). Pri la kunveno raportis « Courrier de l'Ouest », 31-a/10.

**AVIGNON**

La Avinjona grupo « Disradianta Stelo » organizis, la 27-an de septembro, regionan renkontiĝon en Gigondas. Gigondas estas vilaĝo kuŝanta en la proksimeco de Carpentras ; ĝi estas famkonata pro sia vino, unu el la plej bonaj « Côtes du Rhône », Kvindek geesp-oj partoprenis tiun ĉi renkontiĝon : ili venis el Romans, Montélimar, Nyons, Carpentras, Arles, Marseille, Entraigues, Barbentanne, Cavaillon, Violès kaj Avignon. Nia kunveno estis favorata de belega vetero. Post akcepto de la partoprenintoj en la urbdomo, la ges-anoj vizitis la kooperativan kelon, kie ili gustumis bonegan vinon. Poste, la karavano veturis sur la monteton, kie oni piknikis ; kantoj kaj distraĵoj sekvis la piknikon, dum kiu oni trinkis tre

malmulte da akvo. Laŭ la deziro esprimita de ĉiuj ĉeestantoj, alia renkontiĝo en la libera aero estos organizata la venontan monaton.

H. SIMONOT.

## CAUDRY

Pluraj elementaj kursoj malfermiĝis danke la agemon de la esperantista rondeto (respondeculino : F-ino BODSON, rue de Saint-Quentin).

## DOMFRONT

Sugesto - Radio-Luxembourg iniciatis novan elsendon : « Enquêtes à la demande ». Ĉu ne estus oportune, ke francaj esperantistoj skribu al la direkcio, petante, ke okaze de la Zamenhof-jaro estu organizita publika debato, aŭ almenaŭ intervjuo de elstara samideano pri la ĉi jaraj okazintaĵoj ?

## HAVRO

Ĉi-jare, la neŭtrala grupo organizas 4 kursojn. Unuagrada kaj duagrada kursoj estos gvidataj de S-ro MAMMAUX kaj de S-ro HUET. Siaflanke, S-ino LAVALLÉE gvidos du kursojn por ge-instruistoj.

La lastan. someron, la grupo kunvenis dufoje por akcepti jugoslavajn samideanojn.

La 5-an de Septembro en la preĝejo Sankta Mikaelo en Havro, edziĝis S-ro Pierre POTTIER, Vic-Prezidanto de l'Unuiĝo de Normandaj Esperantistoj instruanto de Esperanto en Fecamp, kun F-ino Claudine MARIE, membro de l'estraro de U.N.E. kaj de la Havra grupo. La meso estis farita de samideano : Pastro BECUE. Niajn gratulojn tutkorajn al la nova paro.

Esperanta informilo pri Le Havre estas senpage havebla ĉe la Sekretario de la grupo : S-ro MAMMAUX, 27, Rue Jules-Ancel, Le Havre (S.-Mme.) (Bonvolu sendi afrankitan koverton por respondo).

## LYON

La laborjaro 1959-1960 kuraĝige komenciĝis. La prelego de S-ro Richard Levin, « du Latin à l'Esperanto », sukcese okazis la 14an de oktobro en la Komerco-Palaco, sub la alta Patroneco de S-ro A. Allix, rektoro de la Lyona-Universitato. En la ĉeestantaro estis multaj ne-esperantistoj. Niajn dankojn al nia Prezidanto, kiu senlace propagandas por nia Lingvo. La 28an de oktobro, li prelegis en Aubenas, alvokita de S-ro Jayer.

La kursoj kunigas kontentigan nombron da gelernantoj : 22 por la publika kurso en Liceo Ampère (kaj ni regule ricevas informpetojn). La rezulto de nia propagando estas multe pli bona ol la antaŭajn jarojn. Tio, dank' al la energia sindonemo de nia juna kaj dinamisma samideano Budimir, kiu kaj bone organizas la propagandon kaj gvidas publikan kurson. Ankaŭ lin ni do varme dankas, same kiel F-inon Clavier, kiu regule gvidas kurson por infanoj en Caluire jam de pluraj jaroj. Tiun ĉi jaron, ŝi havas 12 lernantojn.

Do, bona vento blovas nun por ni. Kaptu la okazon. Se ĉiuj el ni farus por la « S.E.L. » iom pli ol antaŭe (ĉu mone, ĉu propagande, ĉu laborante de iu ajn maniero) certe nia Societo farus grandan paŝon antaŭen.

De nun notu ke, la 20an de decembro, okazos festo honore al Zamenhof. Rezervu tiun tagon. La matenon okazos la ordinara kunveno kaj komuna manĝo ; la posttagmezon, festo kun amika balo.

## MAISON-CARREE

Federacio Alĝerio-Sahara :

Jara bilanco - La cirkonstancoj permesis al ni nur informo-agadon :

— konigi al la jamaj Esperantistoj la starigon de tiu ĉi federacio kaj inviti ilin dikigi la unuan kernon ; rezulto = 26 aliĝintoj.

— konigi la Lingvon Esperanto, kaj ties neŭtralan movadon al la tuta publiko pere de komunikaĵoj enpresitaj en diversaj gazetoj = malmulte da aliĝintoj, kvankam multajn klarigojn oni petis.

— la broŝureto eldonita de l'U. E. F. okaze la Zamenhof-jaron estis larĝe disvastigita.

## MARSEILLE

Okaze de la Esperanta ekspozicio, kiu ege sukcesis, pluraj paroladoj estis interese aŭskultataj.

S-ro F. Cadenel, Inspektisto pri elementa instruado, sperte elmontris la valoron de la Lingvo Esperanto : simpleco, precizeco ; postulante klopodon ne nur de memoro, sed ankaŭ de analizo, Esperanto kontribuas al disvastiĝo de kulturo kaj estas elemento internacia, ĉar « la penso faras la lingvon, farante sin per la lingvo ». La disvastiĝo de la franclingvaj ĉefverkoj tradukitaj en Esperanton kaj ties originalaj verkoj riĉigas la spiritfluon.

« Mi malbone vidas la Patagonojn lerni la latinan, sed mi asertas, ke ili estus lertaj esperantistoj, ĉar la latina estas lingvo malfacila ĉefe por la Azianoj ».

Ankaŭ rimarkinda estis la parolado de S-ro J. Beau profesoro pri angla lingvo en la liceo de Marseilleveyre. Li detalis la interesan sed zorgeman kaj laboreman vivon de la Iniciatinto de nia Lingvo « Doktoro Esperanto ». Bone li priskribis la angoran emocion de la Majstro kaj de la 700 ĉeestintoj kunigitaj en la unua internacia kongreso : Bulonjo-ĉe-Maro ; sed li ankaŭ diris la entuziasmon de ĉiuj, kiam ili konstatis, kiom bonege funkciis la Lingvo.

Lingvo Internacia, Esperanto esprimas nenian senton de superregado sed multe pli bone ĝi estas mirinda rimedo.

En la ĉeesto de amasa publiko, kie oni rimarkis multajn instruistojn kaj gelernantojn el diversaj liceoj,

la lernejestro Garrigue diris la lastan paroladon, kiu pli ĝuste ŝajnis kurso. Bona pedagogo, li uzis eĉ ne unu francan vorton ; kvankam komence la lernantoj estis timemaj, iom post iom ili sukcesis legi kelkajn frazojn, kaj fari la tradukon. « Tiu ĉi kunveno valoras dek, eĉ dek kvin, anglajn lecionojn », asertis Prof. Beau.

(el *Le Provençal* : 2, 9, 16-10-1959).

Publikaj kursoj pri la Internacia Lingvo Esperanto ĉiumerkrede de 18 h. 30 ĝis 20 h.

Junulino-Lernejo, 84, Cours Julien, Marseille.

Por ĉiu aĝo kaj nacieco, estas tri gradaj kursoj :

a) kurso de komencantoj
b) — de perfektiĝo
c) — pri kapableco.

La plej lerta lernant(in)o, ricevos kiel premion, sumon por kongresi en Bruxelles de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto 1960.

Informoj, enskriboj : 84, Cours Julien, Marseille.

**THIERS**

En la nacia profesia lernejo (ENP) S-ro DESSAPT gvidas nedevigan Esperanto-kurson kun 41 partoprenantoj kaj sekvas la perfektigan kurson. Baldaŭ publika kurso estos malfermita. La 13-an de decembro la tradicia Zamenhof-festo kunigis ĉiujn samideanojn de la regiono Clermont kaj Thiers.

**TOURCOING**

S-ro A. VINCKIER gvidas kurson en la sidejo de « Jeunesse et Joie ». La lernantoj uzas la lernolibron de Sro RIBOT : « Ni parolu en esperanto ».

Okaze de la ĝemeliĝo de Tourcoing kun la urboj ROCHDALE kaj BOTTROP, kontaktoj okazos kun la anglaj kaj germanaj esperantistoj.

**WATTRELOS**

Sro Jean DELVAINQUIERE, urbestro, kore akceptis japanan esperantiston. Estis Sro Eizo ITOO, reprezentanto de OOMOTO en Eŭropo, kiu nuntempe vizitas diversajn landojn kaj klubojn. Dum 1960, Sro ITOO verŝajne prelegos en Francujo.

Amik a kunveno okazis kun la lokaj ge-esperantistoj, kiuj tre ĝojis pro la veno de simpatia gasto.

*NOVA GRUPO FONDIĜIS.* — La Esperanto-grupo en Vierzon (Cher), fondita en februaro 1957, per iniciato de tri samideanoj, enkalkulas nun 20 membrojn. Ĝi organizis ekspozicion fine de septembro, en la Urbdomo ; pri ĝi raportis « *Le Berry* » kaj « *La Nouvelle République* ». Kurso funkcias ek de la 1-a de oktobro. La lokaj societoj estas la kerno de nia Movado. Ankoraŭ izolitaj samideanoj komprenu tion kaj imitu la Vierzonanojn.

# TRA LA FAKASOCIOJ

## *ĈE LA GEOGRAFOJ...*

*Internacia Geografa Asocio* (Jarakotizo : 235 frs). Geografia Revuo : 4 numeroj, periodo ne preciza, 470 fr. Peranto : S-ro Robert Gérard, 45, rue de Vouillé, Paris (XVe). Bouvolu rekte pagi C. C. P. Paris 413-671.

## *ĈE LA P.T.T...*

Ni anoncas la renaskiĝon de la P.T.T. - Asocio : La 6-an de julio okazis 34 rue de Chabrol, la ĝenerala kunveno de la Esperanto-Asocio de P. T. T. en Francujo kaj T.O.M.

Estis unuanime elektitaj :
Prezidanto : S-ro COLLOMB.
Vicprezidanto : S-ro Robert FILLIATRE.
Sekretariino : F-ino ROBIN.
Kasisto : S-ro LAUGIER.
Arĥivisto : S-ro BONNEROT.
Helpsekretarioj : S-roj CUNY kaj PUECHAGUT.

*NASKIĜO.*

Ges-oj Etienne Couteaux havas la ĝojon anonci la naskiĝon de ilia unua infano « Marie-Edith ».

*PROPAGANDILOJ.*

La grupo de Nancy daŭre disponas pri verdaj steloj sur blanka fono el plastika materio, glueblaj sur ĉiuj glataj surfacoj eĉ malebenaj, kiel aŭtomobiloj, bicikloj, motorcikloj. Ilia diametro estas 6 cm. kaj ili havas nenion komunan kun la kutimaj glusteloj el papero. Ili rezistas al pluvo kaj akvo same kiel aŭtomobila lako.

La verdaj steloj estas tutmonde sendeblaj laŭ la jena tarifo (afrankite) :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 stelo | : 50 francaj | francoj | aŭ | 1 internacia |
| 5 » | 230 | » | » | 5 respondkupono. |
| 10 » | 420 | » | » | 9 » |
| 100 » | 3.500 | » | » | 70 » |

Mendu ilin kun pago al : S-ro J. Chapellier, 43, rue Palissot, Nancy (Meurthe-et-Moselle). C.C.P. 399-75 Nancy.

*NASKIĜO.*

La dek unu genepoj de subkolonelo kaj sinjorino LEGER ĝoje anoncas la naskiĝon de la dek-dua : Elizabeta Léger (12.X.59).

# LA DEĴORA KLAĈISTO

« ...La franca lingvo estas, kia ĝi estas, kia preskaŭ dudek jarcentoj ĝin faris : *lingvo naturala*, la spontana kaj progresa verko de iu *popolo* — nepre kaprica kaj kompleksa — sen komparo kun ĉia lingvo *artefarita*, racie kreita de la pripensado de unu *homo* ».

Jen, en la novembra numero de « Vie et Langage » (Larousse) la lernonto René-Fombard ne senaplomb-arte honoris la Lingvon per tre rimarkinda aserto (p. 615).

Nu, *antaŭ dudek jarcentoj* — tian kanzonon konas ja ĉiuj francaj infanoj ! — niaj prapatroj estis nomataj la Galloj, almenaŭ laŭ la historiaj lernolibroj ! Kaj en la jaro 40-a. K. (kalkulu mem), ĉu ne floris en Romo la plej pura klasika latina lingvo ? Bonvolu la lernonto René-Fombard montri francan tekston de antaŭ, almenaŭ, dek-kvin jarcentoj.

Krome, se oni forĵetus el la franca ĉion, kio ne estas tute *naturala* kaj *spontana*, — aparte ĉion kion kreis la verkistoj ĉefe en la XVI-a J.C., ĉion kion trudis la gramatikistoj, pleje en la XVII-a J.C., kiom restus el la lingvo ? Vere naturala kaj spontana estas nur lingvo senkultura, slango triviala, nek fiksa, nek skribita, kiu taŭgas apenaŭ por eldiri « bonan tagon » !

Verfakte, kio estus la franca lingvo sen la *arta laboro* de ĝiaj verkistoj !

Jam de pli ol 70 jaroj, *spontane* kaj *progrese* vivas la Lingvo Internacia. El « naturalaj » fontoj kaj pruntoj ĝin konstruis tuta popolo da verkistoj. Certe la *iniciaton* faris unu homo, la « *iniciatoro* », kiel li mem sin deklaris, paj samkiel faris la unua, kiu verkis en la franca lingvo, — kaj tial li meritas la honoron de la tuta mondo — sed la pluan *vivon* donis al la lingvo tuta popolo da tutmondaj geuzantoj.

Lernonto René-Fombard, anstataŭ paroli pri tio, kion vi ne scias, vizitu kurson, ĉar vi bezonas lerni !

VERRIDO

*KORESPONDO-SERVO*

Grupestroj kaj gelernejanoj kiuj deziras eksterlandan korespondanton, bonvolu turni vin al la korespondo-servo de U.E.F. sendante la jenajn scigojn :

1e) Nomon kaj adreson.
2e) Profesion.
3e) Aĝon.
4e) Temojn preferatajn.
5e) Landojn laŭ prefera ordo.
6e) Aldoni 50-frankan poŝtmarkon kaj afrankitan koverton por la respondo.

Sendi ĉion al : Mme Vincent, 13, avenue de Gaulle, Les Andelys (Eure) France.

# ENIGMA KONKURSO

N° 5. — La tuto konsistas el 159 literoj. La unua litero de ĉiu vorto, de supre malsupren, donas la nomon de verkisto kaj titolon de la artikolo el kiu la teksto estas elprenita (ĝi aperis en la revuo BELARTO 1958) :

43 132 33 18 71 79 115 122 110
(muzeo de skulptaĵoj (r)
107 5 13 47 77 152 118
manĝegi
130 99 74 56 96 148 101 131 157
forte frapi (r)
1 78 86 9 53 155
direkti
14 16 45 46 94 106 145 102 49
nutraj fluaĵoj
23 37 21 89 137 97
faras pekon
3 42 29 59 151 98 108 144 158 73
altlernejoj
30 17 147 109
intervalo (r)
81 35 134 15 70 149
amema
2 72 38 52 40
dormejo (r)
19 91 57 153 119 117 125
ventega
25 28 66 63
mezuri
4 105 92 123 67 61
religiaj festenoj
51 39 136 6
kurbigita tabuleto (r)
22 50 11 90 93 156 146
energiega
10 60 127 65 121
spirita ekvilibro (r)
31 103 133 154 104 129 124
ŝmirajo
27 26 84 87
havante multan monon
44 69 36 135 150 139 111
feŭdeco (r)
8 76 68 75 64 55 126
veturilo (r)
7 85 138 20
kontraŭsuna ŝirmejo (r)
54 48 34 140 112 120
bulba liliaco (r)
12 58 82 143 113 100 142 83
fruktoj
32 116 80 128 114 95 159
malgrandaj virinoj
24 62 41 141 88
agato (r)

*N. B.* : (r) signifas *nur* radikon.

Limdato : 29-2-1960 por sendi la solvojn al J. A. ROUSSEAU, 64, avenue de Châtillon, Paris (14e).

# RECENZOJ

*La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.*

## L'ESPERANTO AU SERVICE DE LA PROPAGANDE DES PAYS ETRANGERS

Les publications touristiques et commerciales en Espéranto sont nombreuses. Depuis quelques années, plusieurs gouvernements emploient l'Espéranto pour leur propagande.

C'est ainsi qu'en 1958, à l'occasion du 43e Congrès Universel de l'Espéranto à Mayence, l'Office de la Presse du Gouvernement de la République Fédérale Allemande, a fait paraître un livre de 120 pages, grand format, sur l'Allemagne. D'autre part, le Ministère des Affaires Interallemandes (Bundesministerium für gesamtdeutsche Tragen) à Bonn, vient de faire paraître l'analyse en Espéranto de la brochure « Au milieu de l'Allemagne au XXe siècle » (la division de l'Allemagne).

Signalons également que la revue « Pologne », publiée avec le concours du Ministère polonais des Affaires Etrangères, fait paraître une édition en Espéranto. A l'occasion du 44e Congrès universel de l'Espéranto, qui s'est tenu à Varsovie en août dernier, un livre en Espéranto sur la Pologne a été publié.

## POR NIAJ INFANOJ

La eldonejo Esperanto-Press pliriĉigas nian infanan bibliotekon per du novaj bildlibroj, eldonitaj laŭ la sistemo jam uzita por kelkaj tiaj libroj, tio estas per surgluo de esperanto teksto sur ekzempleroj de anglalingvaj « Malgrandaj Oraj Libroj ».

*Mirakloj de la Naturo* (de Jane Werner Watson, bildoj de Eloise Wilkin. Prezo 425 fr) prezentas al la infanoj kelkajn naturajn — sed ho ! kiel miraklajn fenomenojn, kiel ekzemple : la vivo de la koraloj, de la kastoroj, la migrado de la salmo, la transformo de ranido al rano, de raŭpo al papilio... Kun multaj terminoj, el kiuj pluraj estas neologismoj (taskoralo, fiŝkaptulo kaj aliaj), kun bildoj sen scienca pretendo, sed sufiĉe agrablaj, tiu-ĉi libro taŭgas ek de kvin jaroj.

Ni menciu la eraran formon *erĥino* por *ekino*.

*Ali Babo kaj la Kvardek Rabistoj* (rakonto el 1001 arabaj noktoj. Bildoj de Lowell Hess — Prezo 425 fr) prezentas per mirindaj bildoj la mondfaman araban fabelon. La traduko estas flua (oni korektu : « Venontan matenon, Morgiana... vidis la blankan *krucon* » — ne kruĉon). La ilustraĵoj, kiuj lerte imitas la stilon de persaj miniaturoj estas luksoplenaj : la turbanoj, ponardoj, tapiŝoj kaj minaretoj de sorĉa Oriento mirigos ĉies okulojn, de 7 jaroj ĝis 77.

M. kaj A. DUC GONINAZ

## POLAJ-ESPERANTAJ KONVERSACIOJ

Anna & Isaj Dratwer : Rozmowki polsko-esperanckie (Polaj-esperantaj konversacioj). Sprite ilustrita. 248 paĝoj, 10,6 × 14,6. Eldonis : Wiedza Powszechna, Jasna 26, Warszawa. Prezo : 15 zl.

La fakto mem ke « Wiedza Powzechna » eldonas esperantan konversacian gvidlibron havas certan gravecon, ĉar ĝi aperas en la sama serio kiel aliaj pri angla, germana, franca, hispana, itala, rusa, serbokroata, ĉeĥa, bulgara, hungara, lingvoj. Interese estas konstati, ke en Pollando ekstermovadaj eldonejoj montras ĉiam pli da simpatio al La Internacia Lingvo.

Certe la pola esperantistaro ĝojos posedi tiel praktikan kaj tiel valoran gvidlibron. Ĝi estas lerte kaj metode kompilita de bone konataj gesamideanoj. La divido kaj la elekto de la paroltemoj estas aparte sukcesaj : Surskriboj, Ordinaraj Esprimoj, Landoj, Interesiĝoj, Kalendaro, Festoj, Tempo, Kvantaj Difinoj, Vojaĝoj, Hotelo, Poŝto, Aĉetoj, Esperanta Vivo, ktp ktp.

Kompreneble inter la amasego da frazoj troviĝas ankaŭ kelkaj esprimoj je kiuj oni preferus aliajn, sed ĝenerale ĉiuj estas precizaj kaj klaraj.

Gratulon al la aŭtoroj pro tiu bonega verketo, utiligebla ankaŭ por lernado de la pola lingvo, dank'al resumo pri ties (komplika !) gramatiko ĉe la fino de la libro. Estus tre dezirinda la apero de tiel ampleksa franca-esperanta konversacia gvidilo !!!

Roĝero IMBERT

## TAGLIBRO de ANNE FRANK
## (La Postdomo)

El la Nederlanda Originalo tradukis G.J. Degenkamp
219 paĝoj, 13,5 × 19,5. Sep tutpaĝaj ilustraĵj
Tole bindita, kun ora surpreso
Prezo/1075 Frankoj
(Havebla ĉe UEF)

1939-1945. La terura milito. Sennombraj armeoj strebe alfrontas unuj al la aliaj. Nacioj, ideologioj sovaĝe interbatalas. Sango torente elverŝita, nenombreblaj mortintoj, neripareblaj detruoj... Meze de tiu buĉado, la popolo Juda, senarma, sendefenda sed juda ! Celo facile trafebla de la Hitlera nazismo, kiu tiam atakas ĝin laŭ krueleco diktita de la tirano. Neimagebla persekutado : infanoj disigitaj de gepatroj, edzoj de edzinoj, famiioj elŝiritaj siaj landoj kaj fine kondukitaj al la mortkampoj, al la gaskameroj, kie oni mortigas homojn ĉar ili estas judaj ! Tiel perceas miloj kaj miloj da « tiaj krimuloj », ofte post animperforto, korpaj humiligoj kaj malno-

bligoj. Neniigo de la homa digno. Tempo de murdistoj diras Mauriac !

Gardi en nia konscio la memoron de tiu kruela tempo estas devo. La taglibro de Anne Frank eble havos kiel ĉefan meriton helpi la homaron al « neniama forgeso ». De tio dependas la releviĝo de la homaj valoroj.

ANNE FRANK Dek-tri- dek-vin-jara knabino. Feliĉa, gaja, dorlotata de amantaj gepatroj, amata de siaj profesoroj kaj kunlernantinoj ; iom ebriigita de siaj lernejaj sukcesoj. Rapidpensema, brila inteligenteco, nobla naturo.

Abrupte elĵetita el la normala mondo, ŝi estas enfermata en nederlanda « kaŝejo », kie ŝi kunvivas pli ol du jarojn kun sep personoj, gepatroj kaj amikoj, minacataj kiel ŝi mem je deportado. Ŝi skribas sian taglibron. Kion ĝi rivelas ? Akran klarvidecon pri ŝi kaj pri tiuj, kiuj ĉirkaŭas ŝin, ĝojimpeton, kiu neniam sin malkonfirmas. Ne plendante, ne ĝemante, ne bedaŭrante la sian facilan vivon antaŭan, ŝi plene akceptas la malfeliĉon, kiu imponas disciplinon al ŝia pasia temperamento kaj enmemiĝon necesan al fortkuniĝo. « La lerneja tempo, ŝi skribas, ĝia kvieteco, ĝia senzorgemo... mi ilin transpasis, mi ne plu deziras ilin... parteto de mi ĉiam postulas seriozecon ». Nek duonvolo, nek memindulgo, ANNE FRANK ne trompas sin ; ŝi malkovris la grandecon de la vivo, kaj ankaŭ ĝian profundan bonon. Ŝia religio pli intelekta ol sentema diras al ŝi, ke la mondo estas bona kaj progresas al la plejbono, spite la ŝlimon de mizero, en kiu ŝi tragike vadas. Ŝi rifuzas la malesperon, ŝi forpelas eĉ la ideon de malfeliĉo, kaj sin turnas « al tio, kio estas bela : la naturo, la suno, la libereco, la belo en ni... » Ŝia koro « jubilas ».

Tiel, tiu taglibro, konservita kaj retrovita laŭ mirinda hazardo, multe valoras, ne nur pro siaj kvalitoj pri realeco kaj historieco, sed precipe pro la fidela priskribo de interna laboro al senposediĝo kaj firmiĝo, plenumita en la nobla kaj pasia animo Ŝia koro « jubilas ».

Solaj, la kunvivantaj adoltuloj, tro trafitaj, tro malkvietaj, ne estas disponeblaj por esti al ŝi helpemaj. Tial ŝi superas la malgajecon kaj la teruron, kaj decidas forĝi sian juĝokapablon kaj sian volon, por ne esti senenergiigita kaj venkita de la minacaj eventoj. « Kiu ne perdas kuraĝon, nek konfidon, tiu neniam pereos pro mizero ».

Ŝi devigas sin al regula kaj soleca laboro. Sian familion, siajn amikojn, precipe sin mem, ŝi atente rigardas kaj juĝas sen iluzio, sin gardante, danke al delikata humoro kaj al modereco malofta je tiu aĝo, kontraŭ la inciteco kaj la ribelo, kaj ankaŭ kontraŭ iu facila flatindulgemo. Ŝi ne blinde tutcedas al sia amo, al sia kaptiteca amiko Petro ; ŝi plene ŝatas la dolĉecon de tiu nova amemo, kvankam rapide konscia pri la kvalitlimoj de sia kunamanto. Sen iluzio ŝi donas al li sian puran kaj tre ĉastan ĝojon sed restas sola, fervorigate de interna graco, kiu sekrete subtenas ŝin.

Transcendante la malfeliĉon kaj la maljustecon ANNE FRANK atingas la eternajn plejaltaĵojn. Ŝia verko havas la veron kaj la forton de la klasikuloj, kaj ankaŭ la pezon ekzistencialisman de la nuntempaj verkistoj ; klarvida, kaj objektiva ŝi ne vivas en abstrakta indiferentiĝo ; ŝi forte sentas la teruron al timego, al maljusteco kaj al humiliĝo, sed transpasas ilin por realigi sian plenan perfektiĝon.

Ve ! Kian korŝiran kaj funebran tonon finfine sonigas tiu taglibro, kiam oni scias, ke mortis, dum la deportado, du monatojn antaŭ la liberigo de la kampo Bergen Belsen, tiu genia kaj kuraĝa knabino, kiu tiel forte deziris vivi plu !

Libro nepre leginda de ĉiuj.

R. LÉGER.

NOTO : pri la valoro de la traduko de S-ro Degenkamp kompare kun alia tradukprovo ni resendas al la koncerna artikolo, kiu siatempe aperis en « HEROLDO » (Redakcio).

## MIKSPOTO

La unuaj kvin numeroj de « NOVA LIBRO ».
Bindita per marblua tolo kun ora surpreso.
Eldono de Serbia Esperanto-Ligo.
Prezo : 715 Fk. UEF Parizo.

En tiu ĉi libro ariĝas literaturaĵoj jam aparte eldonitaj de 1955. Kelkajn el ili mi jam recenzis en « Franca Esperantisto ». Oni povos legi en ĝi la jenajn verkojn :

Provinca gastejo : rakonto ;
Ĉe la malnova fajrejo : novelo ;
Silvia : novelo ;
Analfabeto : komedio ;
Butono : komedio ;
Suspektinda persono : komedio ;
El la naciliberigo de Jugoslavaj popoloj : batalaj rakontoj.

Tiuj diverstonaj verkoj prezentiĝas en korekta lingvo. La libro aspektas bele. Bona papero, bona presado. Luksa bindo. Ĝi certe interesos la francajn esperantistojn.

R. LÉGER.

# POR LA LINGVOAMANTOJ...

## NIA TRADUKA KONKURSO

Solvo de la teksto n° 18
(F.E. n° 182)

*La ŝarĝo de la riĉuloj*

« La ŝarĝo de la malriĉuloj, diras sankta Aŭgusteno, ĝi estas ne havi, kiom estas necese ; kaj la ŝarĝo de la riĉuloj, gi estas havi pli, ol estas necese ». Kiel do ! Ĉu tio estas ŝarĝo maloportuna havi tro da bonaĵoj ? Ha ! kiom mi aŭdas da monduloj, kiuj deziras tian ŝarĝon sekrete en la koro ! Sed ili detenu tiujn dezirojn senpripensajn. Se la malpravaj antaŭjuĝoj de la mondo malhelpas ilin konscii sur tiu ĉi tero, kiom abundo pezas, — kiam ili venos tiun landon, kie esti tro riĉa malutilos, kiam ili aperos antaŭ tiu tribunalo, kie necesas prezenti konton ne nur pri la talantoj uzitaj, sed ankaŭ pri la talantoj enfositaj, kaj respondi al tiu juĝanto nefleksebla ne nur pri la foruzo, sed ankaŭ pri la ŝparo kaj mastrumo, — tiam sinjoroj, ili ekkonos, ke iliaj riĉaĵoj estas granda pezaĵo, kaj ili pentos vane, ke ili ne liberigis sin de tiu ŝarĝo.

Bossuet
El prediko (1650)

## TRADUKA KOMENTO

En tia teksto la tuta malfacilo kuŝas nur en la franca lingvo, ĉar la senco de pluraj vortoj datumas de la XVII-a jarcento. Tamen kelkaj eraroj, faritaj de la konkursantoj, ne dependas de tio.

1) *Augustin.* — Aŭgustino sonas kiel virina nomo.

2) *mondains.* — En la XVII-a jarcento, *mondains* estas ne tiuj, kiuj apartenas al la mondumo, *la bonne société,* sed tiuj kiuj apartenas al la nereligia socio, al la mondo, do : monduloj.

3) *inconsidérés.* — Sin. de *irréfléchis,* do : senpripensaj.

4) *siècle.* — (Kp. *séculier*) en la XVII-a jarcento, *siècle* signifas la nereligian socion, kies anoj estas ĝuste les mondains. Ĝin tradukas do la esprimo : mondo.

5) *en ce monde.* — Propre : en tiu ĉi mondo. Sed, por eviti la ripetadon de la vorto mondo, ni tradukis per analoga esprimo : sur tiu ĉi tero.

6) *Dispensés... enfouis... ménage.* — La subnoto, kiu estis presita nur por helpi la komprenon de la XVII-jarcenta lingvaĵo, kaj ne estas do traduko, fakte kaŭzis miskomprenojn, eĉ kontraŭsencaĵojn. *Dispensés* signifas, ke oni senhavigis sin de iu havaĵo por akiri alian. Ĉi tiu vorto estas do preskaŭ sinonima de *employés,* t-e *uzitaj. Enfouis : gaspillés,* en la senco, ke la talantoj enfositaj restas senfruktaj ; tamen, la historia figuro estas konservinda. *Ménage : économie,* en la senco de mastrumo.

7) *Juge.* — Ĉi tiu ne estas profesia, do pli bona juĝanto ol juĝisto.

8) *dépense.* — Temas malpli pri elspezo ol pri foruzo.

« La Triopo »

## KONKURSAJ POENTOJ

16. — S-ro A. Tribouillard
15. — S-roj Béliard kaj J. Fourtier
S-ino Lavallée, S-ro H. Leclercq
F-ino M.R. Vincent
14. — S-ino Vincent
13. — S-ino M. Guibert, S-roj J. Lenel kaj M. Penot, F-ino M. Raynaud
12. — S-roj Jullien, R. Raynaud, J. Salasc, R. Texier
11. — Lipharulo
8. — S-ro P. Villet
4. — S-ro A. Bourry, S-ino Lemoine
1. — S-ino Carrière

## TEKSTO N° 20

La gelegantoj estas invititaj traduki la jenan tekston kaj sendi sian provaĵon ĝis la 31-a de januaro 1959, al UEF-TK, 34, rue de Chabrol, Paris X^e^.

*
**

... Les Chambres s'émurent et demandèrent au chef du gouvernement quelles mesures il comptait prendre pour réprimer les odieux attentats commis par Colomban contre l'honneur de l'armée nationale et la sûreté de la Pingouinie. Robin Mielleux flétrit l'audace impie de Colomban et annonça, aux applaudissements des législateurs, que cet homme serait traduit devant les tribunaux pour y répondre de son infâme libelle.

Le ministre de la Guerre, appelé à la tribune, y parut transfiguré. Il n'avait plus l'air, comme autrefois, d'une oie sacrée des citadelles pingouines ; maintenant hérissé, le cou tendu, le bec en croc, il semblait le vautour symbolique attaché au foie des ennemis de la patrie.

Anatole France
« L'île des Pingouins » (VI, 4)

# SKRIBAS LA LEGANTOJ

## SIMPLÂJ PRIPENSOJ

Mi ĵus legis en la cetere tre interesplena libro, de S-ro Charles PAGOT : « Les bases de la Culture Générale » (La Bazoj de la Ĝenerala Kulturo), la jenan frazon (p. 179) :

« On a reproché à l'Espéranto sa complaisance pour le système où les mots varient, c'est-à-dire sa continuité vis à vis des langues anciennes ».

(Oni riproĉis al Esperanto ĝian ŝatemon por la sistemo, laŭ kiu la vortoj varias, tio estas, ĝian kontinuecon rilate la malnovajn lingvojn).

Tia frazo sugestis al mi kelkajn pripensojn, kiujn oni ĉi-sube trovos.

Ja ŝajnas, ke tiuj, kiuj vortigas opinion tian, havas pri la vera strukturo de Esperanto nenian konon kaj speciale nenian scion pri tio, kion oni kutime nomas « AKUZATIVO ».

Ni rapide trarigardu la pensiradon de S-ro Pagot.

En verkoj aliaj (1) ol la ĉi-supre citita, S-ro Pagot opinias, ke la nevarieco de la vorto estas venko de la spirito super la materio tiasence, ke la nevaria vorto esprimas la tute puran ideon pri la elvokita nocio, kiu nocio tiel estas en sia formala vortiĝo ne modifita de la aparta funkcio, kiun ĝi povas ludi en iu determinita frazo.

S-ro Pagot sciigas, ke la angla kaj la franca lingvoj ĝenerale estas sur tiu vojo al la vortnevarieco jam tre progresintaj (miaopinie, kiel ni estas vidontaj, ankoraŭ ne tiom, kiom Esperanto).

Speciale pri la substantivoj S-ro Pagot atentigas, ke ekzemple la angla vorto « roses » (2) enhavas pli da variemo, ol la franca « roses », fonetike la angla ja aŭdigas la pluralan « so-n », la franca ne ; la angla signas do la pluralon per ŝanĝiĝo en la vorto mem, dum la franca signas la pluralon per rimedo ekstervorta, tio estas, per vokala alterno de la artikolo (fonetike : Sg. : « la » — PL. : « le ») ; sed, se oni konsideras kun iuj lingvistoj (kaj kun S-ro Pagot mem), ke la artikolo -aŭ sola, aŭ prepozicia- praktike ne havas sendependan ekziston kaj pli kaj pli emas (3) esti konceptita kiel tuto en la menso de la parolanto, tio estas, se oni konsideras kiel tutaĵon la esprimon « la rose » (fonetike : laroz) aŭ « les roses » (fonetike : leroz), oni konstatas, ke konsekvence troviĝas variemo ene de tiu substantiva tutaĵo ; kontraŭe, la absolutan nevariecon posedas Esperanto !

Efektive pri la esprimo « la rozo » la pluralo formiĝas jene : « la rozo-j » ; ne ŝanĝiĝas la substantivo nek la artikolo : la pluralo estas signita per elemento ekstera je la tuta esprimo, la fonemo « -j » ; same tiu ĉi esprimo « akuzativigita » iĝas : « la rozo-j-n » (4) ; ĉi tie denove regas la nevarieco : substantivo kaj artikolo estas nevariaj, la pluralo kaj la gramatika funkcio estas signitaj per elementoj absolute ekstervortaj ; efektive la fonemo « n » ne estas pli « akuzativa kazo » (laŭ la tradicia senco), ol la fonemo « j » estas plurala vortŝanĝiĝo (sed tia prezentmaniero, komprenebIe estas por ni okcidentanoj pli facile enirigebla en la kadron de niaj gramatikaj kutimoj tradiciaj).

Nur uzoda konvencia necesigas la grafismon « la rozojn » kaj ne « la rozo j n » ; ĉu estas bedaŭrinde ? Pri tio mi ne scias ; tiela skribmaniero povus aperi stranga al okcidantanoj ne kutimintaj vidi konsonantojn (aŭ duonkonsonantojn) « vagi » solaj en frazo (5) ; kompense ĝi eble devigus tiujn, kiuj volas knedi pri Esperanto fuŝkritikojn absurdajn ĉar senbazajn — apogitajn nur sur pure ortografia konvencio — ekkonsccii, ke la fonemoj « j » kaj « n » absolute ne estas « fleksioj » de la vorto « rozo » sed ludas rilate tiun ĉi, rolon proksimume similan al tiu de la famaj « malplenaj signoj » en la ĉina lingvo.

Sed oni eble min rimarkigus, ke la « substantiva tutaĵo » povas prezentiĝi laŭ maniero pli kompleksa, ol tiu, kiun ni ĵus vidis ; efektive ĝi povas aspekti jene : « la belaj rozoj » aŭ « la belajn rozojn », kaj oni povus demandi sin, kial oni ne metas la fonemojn signantajn la pluralan kaj la akuzativan funkciojn nur al la substentivo en la « tutaĵo », kiel en « la rozojn » (oni havus ekzemple: « la bela rozo j n »; ni ne kredu, ke D-ro Zamenhof faris laŭkaprice la decidon ripeti la fonemojn en tia « tutaĵo » aŭ alidire laŭ tradicia gramatika dirmaniero : akordigi la adjektivon laŭ la koncerna substantivo) ; tian decidon necesigis multaj kromaj kompleksaj konsideroj gramatikaj kaj ĉefe stilaj (6) ; la artikolo, por kiu, tiuj konsideroj ne validas restas cetere sen tiaj fonemoj.

... Jen nur kelkaj simplaj pripensoj, pri kiuj vi povos, se vi deziros, pli pensi plu ... aŭ ne plu...

Ĝis reskribo

Michel Audibert

---

(1) Mi aludas pri la serio de la 30 ege rimarkindaj lingvaj kajeroj, kies enhavo estas ĉiupaĝe sci- kaj sciencplena. La tuta kurso konsistas en 4 partoj tre kunligitaj :
— Le Latin par la joie (La latina kun ĝojo).
— Le Grec par la joie (La greka kun ĝojo).
— Sept langues enseignées en même temps.
(Sep lingvoj instruataj kune).
— Le Français pour ceux qui le savent (La franca por tiuj, kiuj ĝin konas).

(2) Esperantlingve : « rozoj ».

(3) ĉi tiu emo efikas en la lingvo laŭ direkto kontraŭa al tiu de la emo starigi la vortnevariecon.

(4) La aliaj gramatikaj rilatoj de la substantivo en la frazo estas signitaj per prepozicioj (de, per, por, sur, sub, kun, ktp...) kaj oni estus same bone povinta konvencii por la uzado de la fonemo « n » kiel prepozicio ; oni estus havinta « n la rozo j » (same estas pri la pluralo : « j la rozo » aŭ « n j la rozo »), tio estas prepozicia « akuzativo » laŭ la modelo, kiu tre vastiĝis en ekzemple la hispana kaj la hebrea lingvoj. (Rilate tian unukonsonantan prepozicion, ni rimarku, ke la slavoj, kiuj kutimas je tio verŝajne trovus tion tute normala kaj koncerne la azianojn, ankaŭ ili certe ne estus ĝenataj de tio).

(5) Vidu lastan interparentezan parton de la 4-a noto.

(6) Sed tiu ripeto de la « funkciaj » fonemoj neniel ŝanĝas la jusskribitajon : ili estas kiel eksteradjektivaj kiel ekstersubstantivaj.

---

La 23-an de novembro en Radio-Lille parolis S-ro H. Philippe, Honora Prezidanto de U.E.F., pri la Universala Kongreso de Varsovio kaj la Zamenhofa Jaro.

---

Jen baldaŭ 1960...

La Redakcio bondeziras al siaj gelegantoj ĝojan jarfinon !

# STAFETO kunsolenas la ZAMENHOFAN JARON !

## EN ĜIA KADRO JAM APERIS :

1. **Julio BAGHY : Sonĝe sub pomarbo.** Originala triakta lirika komedio en ses fantaziaj bildoj (232 p.). 1000 Fr
2. **Esperanta Antologio. Poemoj 1887-1957.** Redakto de **William AULD** (648 p.). broŝ. 1800 Fr; tolbind. 2100 Fr

LA ESPERANTA ANTOLOGIO HAVAS KIEL SCENEJON LANDOJN DE ĈIUJ KONTINENTOJ *

IDEALOJ · TRADICIOJ · LEGENDOJ · RELIGIOJ · DUBO · JUSTO · AMO · ĴALUZO · HUMURO STIMULIS ĈI BELETRAJN ĈEFVERKOJN *

3. **Marjorie BOULTON : Eroj.** Originala pœmaro (368 p.) 1250 Fr
4. **Gaston WARINGHIEN : Lingvo kaj Vivo. Esperantologiaj Eseoj** (452 p.) broŝ. 1750 Fr; tolbind. 2000 Fr

## KAJ ANTAŬ JARFINO APEROS :

5. **Tibor SEKELJ : Nepalo malfermas la pordon.** Originala geografia libro (ĉ. 250 p.) 1500 Fr
6. **Leander TELL : La bela subtera mondo,** libro pri grotoj (ĉ. 125 p.) dense presita 1000 Fr
8. **Baldur RAGNARSSON : Ŝtupoj sen nomo** Originala pœmaro (ĉ. 120 p.)
9. **Reto ROSSETTI : Pinta krajono.** Originala pœmaro (ĉ. 130 p.)

*AL SAĜULO SUFIĈAS ALUDO !*

KUNHELPU PLUPORTI LA TORĈON !

LANGRES. — IMPRIMERIE MODERNE    Le Gérant : J. GUILLAUME